17-a jaro. N-ro 2 (187) Julio-Aŭgusto 1931.




Fondita en 1908.

OFICIALA ORGANO DE BELGA LIGO ESPERANTISTA

Aliĝinta al la Unuiĝo de la Belga Perioda Gazetaro

Fondintoj : L. CHAMPY, Fr. SCHOOFS, Am. VAN DER BIEST-ANDELHOF, J. VAN LAERE, Oscar VAN SCHOOR.

Direktoro :

**FRANS SCHOOFS, Kleine Hondstraat, 11**

ANTVERPENO

---

Por la anoncoj oni sin turnu al :

**H. PETIAU, St. Lievenslaan, 60, GENTO**

---

**Jara kotizo kun abono : Fr. 30,- — Eksterlando : Belgoj 6,-**

---

ANTVERPENO

1931

17a JARO N-ro 3 (187) JULIO-AŬGUSTO 1931.

# BELGA ESPERANTISTO

## MONATA REVUO

*Oficiala organo de Belga Ligo Esperantista*

Direktoro:
FRANS SCHOOFS
11, Kleine Hondstraat, Antverpeno
Telefono: 943.74

Abonpagoj kaj aliaj monsendoj al
Poŝtĉeko No 1337.67
de
BELGA LIGO ESPERANTISTA

**Konstantaj kunlaborantoj:** M. JAUMOTTE, L. COGEN, W. DE SCHUTTER, S-ino L. FAES
H. PETIAU F-ino R. SPIRA, S-ino J. VAN DER VEKEN, H. VERMUYTEN.

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas.*
*La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*



**THEOPHILE CART**

Emerita Profesoro ĉe la Liceo Henri IV
Profesoro ĉe la Libera Lernejo pri Politikaj Sciencoj, en Parizo
**Prezidanto de la Esperantista Akademio**
Kavaliro de la Honora Legio.
31an de Marto 1855 — 21an de Majo 1931.

## EĤOJ DE LA XXa BELGA KONGRESO DE ESPERANTO.

TELEGRAMOJ RICEVITAJ.

Responde al la salutoj, senditaj de la Kongreso al la Reĝa Familio kaj al la Gedukoj de Brabanto, estis ricevitaj la jenaj telegramoj :

« S-ro Frans Schoofs,

Prezidanto de Belga Ligo Esperantista, en Nieuwpoort.

» La Reĝo estis tre sentema al la enhavo de la telegramo, kiun vi sendis
» al li je la okazo de la dudeka kongreso de Belga Ligo Esperantista kaj
» Lia Reĝo Moŝto komisias min en Lia nomo kore danki vin kaj ĉiujn, kies
» interpretanto vi estis. *La Estro de la Reĝa Kabineto.* »

---

« Duko kaj Dukino de Brabant, tre sentemaj al via afabla telegramo,
» komisias min sendi al vi ĉiuj iliajn sincerajn dankojn.

*Sekretario de la Komandoj.* »

---

## BELGA LIGO ESPERANTISTA

KASRAPORTO PRI 1930.

Okaze de la Kongreso mi jam kunmetis provizoran raporton pri la financa stato de la Ligo, kiu estis legata en la ĝenerala kunveno.

Mi tiam jam konstatis, ke la enspezoj, pro la fakto, ke krom la kutima donaco laŭstatuta de « Belga Esperanto-Instituto », la esceptaj donacoj, kiujn ni ricevis la antaŭajn jarojn, preskaŭ tute forrestas, la enspezoj nur atingis dum la jaro 1930 *Fr. 9.525,—* (regulaj por-kotizaj enspezoj), plus *Fr. 795,90* (donaco « Belga Esperanto-Instituto ») kaj *Fr. 557,—* (rentumo de la enkaso). Entute la enspezoj do estis : *Fr. 10.877,90.*

Tiuj ĉi ciferoj kompreneble ne plu ŝanĝiĝis.

Kun la fakturoj rilataj al niaj de tiam aperintaj eldonaĵoj, kiujn la membraro de Belga Ligo ankoraŭ ricevis post la Kongreso, la elspezoj atingis *Fr. 13.953,80.*

Ĉar la bilanco de la jaro 1929 estis profita per *Fr. 14.640,61*, nia bilanco por 1930 restas same profita, sed nur per *Fr. 11.564,71*, kiu sumo estas preskaŭ entute enmetita en akcioj de « Belga Esperanto-Instituto ».

La kasisto : Maur. JAUMOTTE.

---

## INSISTA PETO.

Ni insiste petas la grupestrarojn, ke ili senprokraste sendu al nia kasisto, S-ro M. Jaumotte, Lage Weg, 384, Chemin Bas, Antverpeno-Hoboken, la sliparon de siaj membroj kaj la sumon de la kotizoj 1931 : po Fr. 12,50 (familiaj membroj : Fr. 2,50) al poŝtĉekkonto N-ro 1337,67 de Belga Ligo Esperantista.

La izolaj membroj same pagu al tiu konto sian kotizon : Fr. 30,—.

# BELGA KRONIKO

AALST. — **Alosta Grupo Esperantista.** — Dum la pasinta printempo nia malnova amiko Kapitano Van Wanseele, iama sekretario de la grupo « La Verda Stelo » de Antverpeno, gvidis kurson en sia nova garnizonurbo Aalst. Post tiu kurso estis starigita nova grupo « Alosta Grupo Esperantisto », kiu tuj aliĝis al Belga Ligo Esperantista. La unua kunveno oficiala okazis la 9an de Julio. Tiuokaze S-ro F. Schoofs, prezidanto de B.E.L., vizitis la membrojn de tiu juna grupo, kaj parolis al ili pri la organizo de nia movado internacia kaj belga, kaj montris al la novaj propagandistoj la respondojn farotajn al kelkaj argumentoj kiujn oni de tempo al tempo aŭdas el la buŝo de ne-iniciitaj personoj. Malgranda ekspozicio sekvis tiun kuraĝigan kunsidon, kies rezulto estos organizo de nova kurso jam nun preparata, kiu okazos proksiman vintron.

Ni deziras bonan rikolton al la nova grupo kaj al ĝiaj gvidantoj bonan kuraĝon en ilia estonta agado por nia lingvo.

ANTVERPENO. — **" La Verda Stelo ".** — Dum la monato de Majo la grupo kompreneble plej multe sin okupis pri la Belga Esperanto-Kongreso, kiu estis okazonta en Nieuwpoort. Tradician vizitan al la « foiro » la membroj ankaŭ faris nunjare. — La 20an de Junio S-ro J. Schiffer faris paroladon kun praktikaj demonstracioj pri skrib- kaj kalkulmaŝinoj, kiuj laŭ la nuntempaj metodoj alportas grandan utilon kaj notindan plifaciligon en la komerca kaj industria librotenado. — La 27an Ges-roj A. Faes invitis la grupon al gramofonkoncerto, dum kiu oni aŭdis klasikajn kaj « malklasikajn » muzikaĵojn. Je tiu okazo la invitintaj geamikoj ricevis la dankon de la ĉeestantaj membroj, kiuj prezentis belajn florojn al nia simpatia samideanino S-ino L. Faes. — La 28an kvardeko da membroj ekskursis al Wildert kaj pasigis plej agrablan dimanĉon en la ripoziga arbaro. Kaj la monato Junio finiĝis per bona propagando por « rapidkurso », kiu malfermiĝis la 29an per konciza sed trafa paroladeto de S-ro F. Schoofs. La saman vesperon la profesoro, S-ro Maur. Jaumotte, tuj ekinstruis la 18 ĉeestantajn lernontojn. Notinde estas, ke por tiu rapidkurso, kiu okazis la kvin unuajn tagojn de ĉiu el la tri sekvantaj semajnoj, la profesoro uzis nur la Esperantan lingvon.

La 4an de Julio la plej fidelaj membroj sin retrovis en la sidejo kie okazis gaja kaj intima dancado. — La 11an oni havis la ĉiumonatan kunvenon, kiu sin okupis pri la internaj aferoj de la grupo. — Dimanĉon la 12an la grupo ekskursis per aŭtobuso al Quatre-Bras, Waterloo, kie ili vizitis la historiajn monumentojn, Villers-la-Ville kun ĝia respektinda kaj interesa abatejo, kaj Genval, kie ili ĝuis agrablan ripozon apud la lago. Tiu unua aŭtobusa ekskurso certe estos instigo por partopreni multnombre la duan jam anoncitan ekskurson al Namuro-Dinanto, la 30an de Aŭgusto. (Vidu detalojn en nia antaŭa kajero.)

BRUGO. — **" Bruĝa Grupo Esperantista ".** — Dimanĉon, la 5an de Julio partoprenis kelkaj el niaj membroj en la Sekvantaro de la Kolonia Tago. Posttagmeze, oni ekskursis trame ĝis Steenbrugge kaj de tie piede ĝis Lophem, kie la ekskursantoj vizitis la labirinton; post ripozo ili promenadis ĝis

St. Michiels, kie ili estis afable akceptataj de iu samgrupano en lia kampodomo. Jam vesperiĝis, kiam la membroj revenis hejmen de tiu agrabla ekskurso. — Mardon, la 7an, okazis kanta vespero en la sidejo « Cornet d'Or », prezidita de F-ino Boereboom, kun la helpo de S-ino Stroobandt por la akompanado ĉe la fortepiano. — Dimanĉon la 19an, S-roj Guillaume kaj Poupeye, kasisto kaj sekretario, kaj S-ro Joseph De Coster, anstataŭanta standardisto, iris kun nia flago en la flaga sekvantaro de Ostende, okaze de la inaŭguro de la monumento al Leopoldo II.

JETTE. — **" Jetta Grupo Esperantista "**. — Je la fino de Junio fondiĝis nova grupo, kiu organizas ĉiusemajnajn kunvenojn en la komunuma lernejo de la strato Van Bortonne.

---

# PROGRAMOJ DE LA GRUPOJ

ANTVERPENO. — **" La Verda Stelo "**. — Kunvenejo « De Witte Leeuw », Frankrijklei, 4, avenue de France ; ĉiusabate, 21 h. — Kantlernado de 20-21 h. en la sekretariejo : Schoenmarkt, 16/1, Marché-aux-Souliers.

Aŭgusto : vidu nian antaŭan kajeron.

LA MEMBROJ NE FORGESU SENDI SIAN ALIĜILON POR LA EKSKURSO DE 30 AŬG. AL NAMURO-DINANTO!!

5 Sept. : Diplomdisdono al la sukcesintaj lernintoj el la kursoj de S-roj De Ketelaere, Faes kaj Jaumotte. Je tiu okazo okazos koncerteto kaj intima dancado.

10 Sept. : Malfermo de nova kurso por komencantoj, en la Urba Instituto Belgiëlei, 99, avenue de Belgique. La membroj estas petataj varbi multajn novajn lernontojn.

12 Sept. : Intima dancado por la membroj kaj iliaj familianoj.

19 Sept. : Ĝenerala monata kunsido de la grupo.

BRUĜO. — **" Bruĝa Grupo Esperantista "**. — Kunvenejo : « Oud Brugge » ; ĉiumarde, 20 h.

1 Sept. : Kanta vespero. — Prezidos F-ino A. Boereboom.

8 Sept. : Proponoj pri vintra agado. — Prezidos F-ino Y. Thooris.

15 Sept. : Legado kaj elekto de teatraĵoj. — Prezidos S-ro Ch. Poupeye.

22 Sept. : Interparolaj ekzercoj kaj ludoj. — Prez. S-ro G. E. Guillaume.

29 Sept. : Parolata ĵurnalo. — Prezidos S-ino A. Stroobandt-Victoor.

BRUSELO. — **" Brusela Grupo Esperantista "**. — Kunvenejo : « Brasserie du Sac », Granda Placo 4 ; ĉiulunde 20 h.

Aŭgusto : vidu nian antaŭan kajeron.

---

POR LA PROKSIMA KAJERO DE B.E. la grupoj bonvolu sendi antaŭ la 15a de Aŭgusto sian kronikon ĝisdatan kaj sian programon de Septembro

# NIA FAMILIA KRONIKO

## GRATULOJ

Al **S-ro De Coutere,** membro de Genta Grupo Esperantista, kaj al **F-ino Simone Labyn,** membrino de sama grupo, kiuj geedziĝis la 4an de Julio.

Al **S-ro André Baudet,** prezidanto de la Komerca Ĉambro de Parizo, la granda favoranto de Esperanto en la komercaj rondoj, pro lia promocio al la grado de komandoro en la Honora Legio.

## NEKROLOGO

Mortis la 15an de Julio en sia 80a jaro **S-ro Julien-Marie Van Rysselberghe,** bopatro de S-ro Léon Cogen, vicprezidanto de Belga Ligo Esperantista. Ni prezentas al nia bona amiko kaj al lia estimata edzino la esprimon de nia plej sincera kunsento en la funebro, kiu ilin trafas.

# BELGA GAZETARO KAJ ESPERANTO

Nia gazetaro publikigis la komunikojn de nia « Gazetara Servo » pri la diskutoj favoraj al Esperanto faritaj en la kunveno de la Centra Konsilantaro de internacia Turismo, kiu okazis en Budapest, kaj pri la okazonto 23a Universala Kongreso de Esperanto Krakovo.

La antverpena policista revuo « Ons Streven », en siaj numeroj de Majo kaj Junio, publikigis detalan tutkolonan Esperanto-Anguleton, kiu montras la viglecon de nia Antverpena Polica Grupo Esperantista kaj la gravan rolon, kiun ĝi ludas en la internacia movado por Esperanto inter policistoj.

La flandraj gazetoj de nia lando presigas ĝenerale tre favoran recenzon pri la broŝuro « Inleiding tot Esperanto », kiun Belga Esperanto-Instituto publikigis antaŭ kelkaj semajnoj.

« Het Laatste Nieuws » prezentis al siaj legantoj grandformatan reproduktaĵon de fotografaĵo kun grupo de la partoprenantoj en nia bela kongreso de Nieuwpoort.

# TURISMO KAJ ESPERANTO.

La centra konsilantaro de internacia turismo havis sian 7an ĝeneralan kunvenon de Budapeŝto. Belgujo estis reprezentata de S-roj Hansez kaj Demeuse de la Aŭtomobil-klubo de Belgujo; S-roj Duchaîne, Dubois kaj Lecomte, de la Turisma Klubo, kaj S-ro Jacob, de la Nacia Societo de belgaj Fervojoj.

La kunveno longe esploris la demandon de la uzo de Esperanto kiel interkomunikilo por la turismaj rilatoj internaciaj. La centra konsilantaro unuanime rekonis la valorajn profitojn, kiujn la turisto havigos al si, uzante tiun helplingvon, kaj ĝi esprimis la deziron, ke la kono de Esperanto estu disvastigota nome inter la oficistaro kaj servistaro de la hoteloj kaj ke ĉi tiuj sciigu al siaj klientoj sian uzon de Esperanto.

# LA BELGA DINASTIO JUBILEAS.



*La akcepto de Leopoldo I ĉe la franc-belga landlimo.*

Kiam ni, okaze de la 100-a datreveno de nia sendependiĝo en la kajeroj de « Belga Esperantisto » pasintan jaron rapide skizis, la historion de nia lando tra la jarcentoj, ni pri nia unua reĝo Leopoldo Ia, skribis : « La 21an de Julio 1931, la Reĝo alveninte en Bruselo, faris la solenan ĵuron observi la Konstitucian Leĝon, kaj la leĝojn de la belga popolo, konservigi ĝian nacian sendependecon kaj la plenecon de ĝia teritorio. »

Se tiam, kiam precipe temis pri la jubileo de la lando kaj de la nacio, ni povis iom rapide resumi la tiamajn okazintaĵojn, ni tamen opinias, ke en tiu ĉi monato, kiam oni ĉe la marbordo en De Panne, Veurne kaj Ostendo, per grandaj festoj, ĵus rememorigis la 100an datrevenon de la alveno en Belgujo de nia unua Reĝo, ni devas iomete pli detale pritrakti la faktojn, kiuj okazis je tiu tempo.

Ni jam klarigis, ke post kiam Surlet de Chokier dum diversaj monatoj jam estis okupinta la vicreĝecon, la Nacia Kongreso elektis la 4an de Junio 1831, Leopoldon de Sakso-Koburgo, kiel reĝon de la Belgoj, nome per 152 voĉoj el 196.

Ni ne aldonis, ke dekkvar membroj de tiu kunveno voĉdonis por la barono Surlet de Chokier, dum dek aliaj voĉdonis kontraŭ la Princo, kvankam ili ne antaŭenmetis alian nomon. Aliflanke estis kelkaj, kiuj ne deziris eldiri opinion, kaj unu membro skribis nuligotan voĉbileton. La biletaro de tiu ĉi voĉdono estas konservata en la biblioteko de la Ĉambro de Deputitoj.

Diversaj membroj de la Nacia Kongreso klarigis la kialon de sia voĉmaniero, kaj kelkaj inter tiuj interpretadoj valoras la rememorigon.

S-ro Claes, el Loveno, skribis « Hodiaŭ! Ne! »; s-ro Collet: « Ĉar mi nur deziras la feliĉon de mia Lando, mi rifuzas partopreni la voĉdono, ĉar lau momento ne estas konvena ».

Ni citas unue tiujn du klarigojn, ĉar ili montras, ke tiu voĉdono okazis en specialaj cirkonstancoj, kiuj ne ŝajnis favoraj.

Kaj efektive, la opinio de tiuj Kongresanoj estas facile klarigebla pro la faktoj, kiuj estis okazintaj dum la antaŭaj monatoj.

Kiam, post la Revolucio de Septembro 1830, la Nacia Kongreso estis la 24an de Novembro definitive formetinta la membrojn de la Familio de Oranjo-Nasaŭo de la trono de Belgujo, oni estis demandinta al si, kiu iĝus la nova gvidanto de la sendependiĝinta Lando.

La ĵurnaloj de tiu tempo citis unue membrojn de konataj nobelaj familioj. Unu el la cititaj personoj estis Frédéric de Mérode, kiu poste mortis dum batalo en Berĥemo-apud-Antverpeno; poste estis la vico de lia frato. En la konservemaj rondoj oni tamen opiniis, ke estis preferinde, por ne interbataligi kaj interluktigi la malnovajn Belgajn familiojn, ke oni elektu fremdan Princon.

Kaj tiam, miksite, estis antaŭenpuŝataj la kandidatecoj de Karolo de Aŭstrujo, frato de la Imperiestro; de Princo Otto de Bavarujo; de la duko de Kapuo kaj de la duko de Hessen, kiu certigis, ke li estis pranepo de la Brabantaj Dukoj.

Sed subite unu kandidateco forsvenigis ĉiujn aliajn, nome tiu de la Duko de Nemuro, la plej juna filo de la Reĝo de Francujo, Ludoviko-Filipo.



*La domo en De Panne, kie Leopoldo I, ĵus alveninte en Belgujo, estis akceptita.*

La franca Reĝo tre bone sciis, ke se lia filo akceptus la kronon de Belgujo, ekkomenciĝus Eŭropa milito; sed li estis aŭdinta, ke Aŭgusto de Beauharnais, duko de Leuĥtenbergo kaj posteulo de Eŭgeno de Beauharnais, bofilo de Napoleono kaj vicreĝo de Italujo, sin estis prezentinta, kaj li konsideris, ke li en neniu cirkonstanco povis toleri, ĉe la Norda limo de sia lando, princon, kiu instigus la Bonapartanojn kontraŭ la Familio de Orleanso.

Li estis ruza diplomato kaj permesis, ke oni prezentu la kandidatecon de lia filo, por tiel malsukcesigi tiun de la Duko de Leuĥtenbergo, kaj, efektive, lia filo estis elektita per 97 voĉoj kontraŭ 75 al ties kontraŭulo.

Dume, tiu rezultato multe ekscitis la membrojn de la Konferenco de Londono, kiu ĵus okupis sin pri la statuto, donota al nia Lando.

La Konferenco avertis la francan diplomaton Talleyrand, ke, se la Duko de Nemuro akceptus la kronon, ekestus milito, en kiu estus partoprenontaj ĉiuj regnoj en Londono reprezentataj.

La Nacia Kongreso tamen, en tiu tempo de plej severe kaŝa kaj sekreta diplomatio, nenion sciis pri ĉiuj tiuj aferoj, kaj sendis al Parizo specialan delegitaron.

Tiu delegitaro estis bone akcepata, sed post dek tagoj, dum kiuj oni nur festis je ĝia honoro, la Reĝo de Francujo oficiale sciigis al ĝi, ke lia filo ne povos akcepti la kronon.

Oni komprenos la konfuzon de la membroj de la Delegitaro, kiam ili reiris en sian landon. Kaj estas tiu emocio, kiun oni ankoraŭ sentis ĉe multaj Kongresanoj, kiam ili voĉdonis la duan fojon, la 4an de Julio.

Kiam oni detale ekzamenas la voĉdonadon, oni vidas, ke inter la Kongresanoj estis iuj S-roj de Brouckère kaj Davignon. La unua voĉdonis por la Princo, la dua deziris la Respublikon.

Oni certe ne kulpigos nin pri malico, kiam ni ŝerce rememoras pri la fakto ke la posteuloj de tiuj du Kongresanoj estas s-ro de Brouckère, nuna socialista gvidanto respublikema kaj S-ro Davignon la iama katolika ministro de Eksterlandaj Aferoj, kiu tre certe ne havis la ideojn de sia patro pri Respubliko kaj reĝeco.

Kiam la rezultato, kiun ni supre citis, estis akirita, la Nacia Kongreso nomis denove Delegitaron, kiu iros al Londono, kie la Princo vivis ĉe sia bopatro, la Princo de Kimrujo, kiu iĝis poste Reĝo de Anglujo sub la nomo Georgo IV.

Tiu Delegitaro estis kunmetita de S-roj Lebeau, la nura diplomato, kiun ni tiutempe posedis; Felikso de Mérode, Fleussu, de Meulenaere kaj Jozefo d'Hoogvorst.

Kun la novelektita reĝo, la membroj de la Delegitaro decidis pri la programo de la alveno de Leopoldo I en Belgujo.

Ili decidis, ke la Reĝo alvenos en Belgujon en Adinkerke, sur la nuna teritorio de De Panne, kaj ke ĉe la landlimo, li estos oficiale akceptata de la ministro de Enlandaj Aferoj, S-ro Desauvage, kiun oni vidas sur la ĉi kuna gravuraĵo, kiu montras tiun akcepton.

Tiu alveno en Belgujo okazis la 17an de Junio 1831. De la landlimo la nova Reĝo estis en pompa procesio kondukata al Veurne, ĉe kies limo lin akceptis la urbestraro, la societoj kaj la enloĝantaro.

La Reĝo tie eniris la domon de S-ro Olivier, kolonelo de la Burĝa Gvardio, kie li partoprenis tagmanĝon je sia honoro prezentitan de la urbestraro.

La bildon de tiu domo ni ankaŭ presas kune kun la domo de De Panne, kien la Reĝo estis kondukita, rekte de la landlimo.



*La domo en Veurne, kie Leopoldo I restis la unuan tagon de sia alveno.*

Tiuj akceptoj estis komenco de festa irado tra la Lando al la ĉefurbo.

Estis tiu ekkomenco de la reĝa rondirado en lia nova lando, kiun oni, antaŭ kelkaj tagoj, rememorigis, kiam la gereĝoj Alberto kaj Elizabeto, kun nia honora prezidanto, Princo Leopoldo, kaj multaj aŭtoritatuloj, ĉeestis la festojn ĉe la marbordo, kiuj finis en apoteozo je l'honoro de nia dua Reĝo, kies rajda statuo estis samtempe inaŭgurita.

Maur. JAUMOTTE.

## ĜENTILECO.

*Nestor de Tière.*

Paŝetante sur la strato
Fraŭlineto perdas ganton.
Dando kiu post ŝi iras
La falantan ganton vidas.

Tre aminda ŝajnas dando:
Lerte prenas li la ganton,
Donas ĝin al ŝi, klinante,
Kaj plej dolĉe ridetante.

Per sakego ŝarĝegita
Virineto teren falas.
Sakon ŝi surŝultri penas
Sed je tio ne prosperas.

Jen alvenas nia dando:
La penantan virineton
Li rigardas mokridante
Sian vojon daŭrigante...

Tradukis L. COGEN.

# EKSKURSO AL WATERLOO, VILLERS KAJ GENVAL.

WATERLOO estas sufiĉe konata pro la granda batalo de la 18a de Junio 1815, pri kiu rememorigas la granda 45 metrojn-alta monto, kiu tie estis starigita de la Holandanoj, en la tempo de ilia superrego, same kiel la leono, kiu sur tiu monto staras, kaj kies voston la francaj soldatoj en 1832, kiam ili venis en Belgujon por nin helpi kontraŭ la Holandanoj forhakis; same kiel ankaŭ diversaj malgrandaj monumentoj, kiuj estis starigitaj de diversaj regnoj kaj korpusoj, kiel memorigilon pri iu detalo de tiu granda epopea batalo.

Ni do ne plie insistos pri ĝi. La fremdlandaj vizitantoj cetere pli ol la Belgoj eĉ, ĝin regule vizitas.

VILLERS-LA-VILLE estas malpli konata de la alilanda publiko.

Tiu ĉu urbo estas lokita en la suda parto de la provinco Brabanto, apud la limo de Namuro, sur la eta « Thil »-rivereto, kiu mem estas nur parto de la ekfluinta Dilo.

La abatejo, kiun oni tie vizitas, kaj kiu vin kondukas en la Imperion de la Silento kaj de la Soleco, estas impona cisteriana abatejo, kiu estis starigita en 1147 kaj detruita en 1796.

Ĉe la enirejo estas la « Dumont gastejo ». Preterpasinte tiun, oni eniras korton, je kies fundo montriĝas rektangula monaĥeja manĝejo, bela konstruaĵo en transicia stilo, kun du belaj rangoj de fenestroj. La monaĥejo mem, kiu plej grandparte datumas de la 14 ĝis la 16a jarcento kaj montras gotikan stilon, vidiĝas flanke de preĝejo, kiu estis konstruita de 1240 ĝis 1272. Oni povas tie ankoraŭ vidi grandajn ŝtonojn, kiuj devenas de la tomboj de la Dukoj de Brabanto, el la XIXa jarcento. Je la Okcidenta flanko de la ruinoj estas monteto, kiun oni supreniras per tre malregula, sed tamen irebla ŝtuparo. Oni de tie havas belan panoramon sur tiu vasta silentujo.

Ni donis kelkajn klarigojn historiajn pri la abatejo nur por montri, ke la ŝatanto de malnovaĵoj povas tie admiri belajn konstruaĵpartojn, inter kiuj kelkaj, nome en la preĝejo, estas en tre bona stato. La plej grandan impreson oni, laŭ ni, tamen akiras el la atmosfero mem, kiun sugestas tiuj belaj, grandegaj ruinoj, ĉialoke kovritaj de kreskaĵoj kaj musko.

GENVAL kuŝas meze de entute agrabla pejzaĝo. La alveno jam en la ĉirkaŭantaj vilaĝoj kaj urbetoj estas alloga. Ĉie, en tiu ĉi sezono de la jaro, la floroj kun amo kaj arto estas ĵetfiksitaj ĉe la fasadoj de la domoj, kiel sur la plekto- kaj branĉobariloj de la ĝardenoj.

Sed kio precipe altiras la karavanojn de dimanĉaj vizitantoj, estas la granda trankvila lago, kiu kun sia montetaro je unu el siaj flankoj kaj la ridetanta ebenaĵo je la alia, vokas antaŭ la spirito belaĵojn en la fremdlando pli **konatajn** sed vere ne pli belaj, kiel por nur citi en najbara lando, la lagoj de Gérardmer, en Elzaso; de Aix-les-Bains kaj Le Bourget en la franca Dolfineo. Certe la nia ne estas « the biggest in the world », kaj eble la aliaj, kiujn mi citas, estas pli grandaj. Ni sciu tamen, ke ili ne estas pli belaj.

Kaj kiam iuj, inter ni, aŭ ekster la lando, nin demandas, ĉu Belgujo enhavas naturbelaĵojn kaj kiujn, ni ne nur citu la tradiciajn tro multe konatajn vidindaĵojn, sed ni atentigu ilin pri tiuj etaj, sed ĉarmaj kaj interesaj anguloj,

kiuj ĉie troviĝas en nia lando, same en la nordo kiel en la sudo, kaj precipe, mi diros, en la meza parto, kie la tero ĝuas la privilegion, prezenti la allogon de la ebenaj plataĵoj, kiel de la onda montetaro, privilegion, kiun tiu tero ankaŭ transdonis al la belga popolo, feliĉiga miksaĵo de la norda, *ĝermana*, kaj de la suda, *latina*, karakteroj.

Maur. JAUMOTTE.

## PREĜO DE LA MALJUNA VAGULO.

Morico VUYLSTEEK.

Mi estas tiel laca pro longa vagado,
Kaj l'polvo de l'vojoj l'okulojn bruladas;
La dorso kurbiĝis pro daŭra suferado,
Tiel maljuna vagulo sentadas
Foriĝi al morto.

Ho kie mi povas kviete ripozi,
Kaj teren kuŝigi la kapon grizharan;
Vi Dio de l'piaj malriĉaj estuloj,
Ĝin diri al mi volu kaj doni eternan
Ripozon en morto!

Ho sendu la ĝojon en sonĝojn, la miajn,
Jes kiujn neniam dum veko mi trovis;
La vojo de l' preĝo mi kiun laŭiris
Por veni al morto.

Kaj lasu l'unuan ĝojridon ekflori
Sur miaj palvangoj dum nuna noktiĝo;
Ho povu dum l'ora belsunoleviĝo,
Ridante min tuŝi la dolĉaj flugiloj
De bela ja morto!

El la flandra lingvo tradukis
ACH. DE MAERTELAERE.

## JAPANA ANONCADO.

Jen kiel granda firmo eldona el Japanujo anoncas la librojn, kiujn ĝi ekvendas:

« La legantoj trovos ĉe ni la sekvantajn avantaĝojn: 1) prezojn tiel favorajn kiel en la loterioj; 2) librojn tiel elegantajn kiel kantistino. 3) presaĵon tiel klaran kiel kristalo; 4) paperon tiel rezistan kiel elefanthaŭto; 5) klientojn traktatajn tiel ĝentile kiel ili estus en ŝipkompanioj konkurencaj; 6) komercaĵojn forsendatajn tiel rapide kiel pafilkuglo; 7) pakaĵojn pritraktitajn kun tiom da zorgo kiom tiu kiun donadas amanta virino al sia edzo. »

# LA HELPLINGVO EN ANTAŬMARŜO.

La « *Revue Bleue* » publikigas sub tiu ĉi titolo interesan tre dokumentitan artikolon de S-ro A. Baudet, prezidanto de la Komerca Ĉambro de Parizo. El ĉi tiu artikolo ni eltiris la sekvantajn erojn:

Ĉu la homa racio finfine triumfus? Ŝajnas al mi, ke depost la 10 jaroj, kiam mi... malkovris Esperanton, mi aŭdis multajn personojn kontraŭi al tiu ĉi helplingvo, kiu evoluiĝas grade en ĉiuj landoj, rimarkojn, kiuj, kvankam ofte kategoriaj, almenaŭ estas vanaj.

Mi deziras por personoj ne-informitaj pri la demando ripeti la rimarkojn kaj ilin respondi.

Oni ripetas ofte:

« Lingvo internacia mortigos la naciajn lingvojn ».

Supozite, ke tiu ĉi utopia revo estus tiu de iu mistikulo, ĝi tamen ne povus realiĝi, feliĉe. La internacia lingvo estas nova ilo, konforma al nova bezono. Se oni deziras komparon: La stenografio ne mortigis la ordinaran skribon; ĝi fariĝis helpilo apud ĝi. Ankaŭ la internacia lingvo povas nur aspiri plenumi la rolon de helpilo al la nacia lingvo kaj povas, konsekvence fariĝi helpilo de la nacia penso.

Nia bela franca lingvo havas nenion por timi de Esperanto. Ĝi estos ĉiam lernata de la elito de kulturitaj eksterlandanoj.

Kontraŭe, eble ni eĉ gajnos, vidante maloftiĝi la « lingvaĉon » per kiuj certaj turistoj, kiuj kredas, ke ili lernis la francan, dolorigas niajn orelojn.

Kio nun koncernas la demandon igi nian lingvon la internacia lingvo, ni, ho! eĉ ne povas sonĝi pri tio. Ĉiu scias, ke nuntempe unu nacia lingvo emas ĝeneraliĝi kaj fariĝi la komerca lingvo, t.e. la angla. Tiu avantaĝo, kiu rezultus el tio por Grand-Britujo kaj ĝiaj Dominioj, same por la Usono estas dezirinda nek de l' politika, nek de l'ekonomia vidpunktoj. Jen oni devas vidi la kaŭzojn de l' penado farata favore je Esperanto en Japanujo.

Rekonante, ke nacia lingvo ne povos esti elektata kiel helplingvo, oni obstiniĝas kontraŭ la principo de artefarita lingvo. Malfeliĉe tiuj, kiuj kritikas ĉi tiun ĝenerale forgesis unu aferon: ĝin studi por ĝin koni.

Unue, oni kaptiĝas pri la prononcado: « Kiamaniere vi volas atingi, diris al mi distinga diplomato, ke ĉiuj popoloj elparolu sammaniere. Anglo aŭdigas la saman vokalon laŭ diversaj manieroj, laŭ la vorto en kiu li renkontas al ĝi: li neniam scios elparoli frazon en Esperanto same kiel hispano. »

Eraro grandega, kiun elmontras la faktoj de sperto kaj kiu rezultas al la nekono de la lingvo.

La faktoj de l' sperto: mi ĉeestis plurajn Esperanto-kongresojn, kiuj grupigis delegitojn de trideko da nacioj. La diskutoj okazis, sen ke estus estinte eble determini la naciecon de l' parolanto.

La nekono de la lingvo: Se tiu bona diplomato estus sciinta, kion li pretendis kritiki, li estus sciinta, ke Esperanto estas plene fonetika: ne ekzistas diftongoj: al ĉiu litero korespondas unu sola sono.

Ĉio, kio esence estas internacia (komerco, scienco, turismo, transporto, aviado, radio-disaŭdigo, kinematografio, kolektoj, polico, religioj, ktp.)

kaj eĉ tio, kio havas nacian gravecon (propagando) necese estas interesita sekvi la movadon, kiu ĉiutage plifortiĝas.

Se en tiu ĉi nombrado mi citis la komercon en unua vico, tiu okazis, ĉar mi kredas, ke tiu ĉi branĉo de l'homa aktiveco estas, kronologie, predestinata utiligi ĝis maksimumo la helplingvon. Ĝi tion jam faras.

Por la importistoj kaj eksportistoj de ĉiuj landoj Esperanto montriĝas kiel Iodo de universala komprenado, kies akiro postulas nur malgrandan penadon de kelkaj horoj.

Tio estas la kaŭzo kial la Komercaj ĉambroj kaj Ekonomiaj grupiĝoj ne povas neinteresiĝi pri tiu ĉi demando.

## LA BRITA UNUIĜO POR LA LIGO DE NACIOJ KAJ INTERNACIA HELPLINGVO.

La Edukada Komitato de suprecitita Unuiĝo, al kiu la Brita Esperanto-Asocio provizis plenajn detalojn pri Esperanto kaj ĝiaj pretendoj, kiujn ĝi zorge studis, anoncis, ke ĝi estas urĝiganta al la Ligo de Nacioj kunvoki Mond-edukadan Konferencon plejeble frue, sub la aŭspicioj de la Edukada Inform-centro de la Sekretariaro en Ĝenevo, kiu antaŭvideble okazos en 1932 aŭ 1933. Konsiderante ĉi tion, ĝi petos la konferencon priesplori la problemon, inter aliaj aferoj, opiniante, ke ĝi estus la plej kompetenta instanco por doni novan impulson al la instruado de internacia helplingvo, kaj tial rezoluciis jene :

« Ke kiam tia Mondkonferenco estos kunvokita sub la aŭspicioj de la Ligo de Nacioj, ĝi estu petata de la Unuiĝo konsideri, interalie, kaj raporti pri : 1e) la bezono por internacia helplingvo kiel rimedo por antaŭenigi internacian interkompreniĝadon ; 2e) la plej taŭga lingvo por adopti se tia surogata rimedo de komunikado estos trovita dezirinda, kaj 3e) la metodoj per kiuj ĝi povus plejbone esti instruata. »

Nun, kompreneble necesas, ke la decido de la Unuiĝo trovu eĥon kaj veku tian intereson, kia donos apogon al la rezolucio, kiam ĝi estos prezentata al la Konferenco, kaj ankaŭ samtempe forton al nia flanko. Tial ĉiu Esperantisto devus helpi en iuj el la subaj manieroj :

1e) Disvastigi per ĉiuj rimedoj la novaĵon ;

2e) Klopodi veki intereson pri la decido ĉe similaj asocioj ;

3e) Simile prizorgi diskonigon kaj varbon de subteno en pedagogiaj rondoj.

## PER FLUGMAŜINO DE ANTVERPENO AL BRUSELO.

Sur la grandega flughaveno de Deurne staras antaŭ la aerstacidometo de la « Sabena », la granda flugmaŝino « Fokker OO-AIO ».

La vetero estas belega kaj la radioj de la suno briligas la tri ŝraubojn.

La majesta maŝino, kun flugiloj malvolvitaj, pacience atendas.

« Hamburgo alvenas! » oni krias, kaj en la radia ĉielo aperas granda monoplano, kiu jam lokas sin sur la vastan herbejon. Nia aeroplano transprenas pasaĝerojn el tiu, kiu ĵus alvenis el Hamburgo; ni do povas foriri.

Tuj piloto kun bela uniformo kaj maŝinistoj venas al nia maŝino por ekfunkciigi la tri motorojn. La du unuaj ekturniĝas facile, la tria estas pli kaprica. Dum oni reprovas, oni invitas min, eniri en la kajuton. Mi sidiĝas en la trian apogseĝon dekstre. Ĉar la lasta motoro ne volas turniĝi la piloto eliras kaj mi profitas tion por ekzameni la kajuton. Tiu ĉi estas tre vasta, kaj tre komforta. Ok grandaj ledaj brakseĝoj, kvar je ĉiu flanko, apartigitaj per koridoreto. Supre, ĉe ambaŭ flankoj, granda reto kaj ĉe la plafono, du lampoj kiel en la aŭtomobiloj. Bone videblaj estas horloĝo kaj altecmontrilo. Ĉiu vojaĝanto havas proksime de si, saketojn sur kiuj oni legas en tri lingvoj: « Aermalsano » kaj kiuj estos utilaj al tiuj, kiuj suferas pro tiu malsano... Je la ekstremaĵo de la koridoreto pordo kondukas al la loko de pilotado, kaj ĉar la supra parto de tiu pordo estas el vitro, mi vidas ĉiujn instrumentojn kaj montrilojn. La flugmaŝino estas dukondukila.

Dume la maŝinistoj estas ekzamenintaj la malbonvolan motoron. La piloto reeniras kaj je la unua provo, la motoro turniĝas. Kelkaj eksplodetaĉaj kaj la zumego iĝas forta kaj regula. Tiam, je mia granda miro, dua piloto, tute lede vestita, eniras en la aeroplanon kaj eksidas apud la unua. Proksime de la flugmaŝino, la estro de la « Sabena », horloĝo en la mano, observas la lastajn preparojn. Li donis la signon de foriro. Estas kvindek sep minutoj de la kvara.

La aeroplano turniĝis, rulas per siaj propraj rimedoj sur la grandega ebenaĵo kaj metas sin kontraŭvente. Subite la turniĝado de la motoroj plifortiĝas kaj la maŝino rulas, unue malrapide, poste rapide, tre rapide al la ekstremaĵo de la flugkampo. Subite mi vidas la grundon enprofundiĝi sub mi. Tuj mi rigardas dekstren, kaj distingas en la metropolo, la altan turon de la katedralo malantaŭ la metala skeleto de la konstruata ĝisĉiela domo, kaj la blankajn palacojn de l'ekspozicio.

Je la sama momento, la flugmaŝino kliniĝas kaj turniĝis sur la maldekstra flugilo, dum la grundo ŝajnas subiĝi pli kaj pli. Ni altiĝas ducent kvindek metrojn. Kio okazas? Ĉu ni ne plu antaŭeniras? Tie, sub mi, la dika rado de la maŝino, kiu turniĝis tiel rapide sur la herbo, estas haltiĝinta. Tamen, mi aŭdas la regulan zumegadon de la tri motoroj. La aeroplano ŝajnas ne moviĝi, kaj estas tiu ŝajna senmoveco, kiu plej impresas min. Mi rigardas la teron: ĉio aperas malgrandege.

Jen estas ruĝaj rektanguloj, estas teniskampoj sur kiuj blankaj ludistoj moviĝas. Poste, estas belaj somer- kaj kampdomoj. La vido estas vere mirinda. La kamparo aperas kiel grandega damluda tabulo kun multnombraj fakoj kaj

belegaj koloroj. La flavaj kaj brunaj plugkampoj kontrastas kun la smeraldaj herbejoj, kaj la palverdaj grenkampoj. Sed, ne estas eble fari adekvatan priskribon pri tiu vere mire bela pejzaĝo, formita de arego de geometriaj desegnoj, apudmetitaj kaj multkoloraj. Kaj sur tiu mirinda tapiŝo, kie malgrandegaj farmoj estas dissemitaj tie ĉi kaj tie, glitas malrapide la eleganta ombro de nia flugmaŝino. Sed ĉar mi ne vidas nek la fervojojn, nek la vojon al Bruselo, mi ŝanĝas je loko, kaj sidiĝas en la brakseĝo je la alia flanko de la kajuto. Tuj Meĥleno aperas, rekonebla pro la masiva turo de la preĝejo S-ta Rombaldo.

Subite, la antaŭa pordo malfermiĝas kaj la piloto kun bela uniformo eniras kaj sidiĝas proksime de mi; en la apogseĝo, kiun mi okupis antaŭe. Mi ankoraŭ rigardas Meĥlenon, kiu malaperas en la malproksimo, kiam mia kunvojaĝanto diras: « Jen estas Vilvordo ». Nun maldekstre, mi ekvidas movbrilajn relojn, sur kiuj cirkulas vagonaro, kiu ŝajnas mekanika ludilo, kaj apud la reloj, la vojon kie moviĝis malgrandegaj aŭtomobiloj. Dekstre li montras al mi arĝentan strion: estas la kanalo de Willebroeck. La altecmontrilo indikas tri cent metrojn. Mi demandas al la piloto, je kiu rapideco ni flugas, kaj, rigardante tra la vitra pordo la montrilojn, li respondas: cent sesdek! Malgraŭ tiu rapidega flugado, la flugmaŝino ŝajnas senmova, pendanta en la spacego. Ni pasas super la stacidometo de Vilvordo, kai apenaŭ mi havas la tempon por rigardi la urbon, kiu malaperas post ni, kiam mia kunulo diras: « Jen ni alvenas ». Kaj vere, maldekstre de mi aperas la grandega herbejo de Haren. La maŝino faras grandan kurbon kaj superflugas la grizajn konstruaĵojn de la armea aviadservo. Sub mi, sur la flughaveno, mi ekvidas blankajn makuletojn: estas ŝafaro. Mi rekonas la instalaĵojn de la aerostacio, ankoraŭ tre malgrandajn. Poste la motoroj moderiĝas kaj la tero proksimiĝas pli kaj pli. Ektuŝo, ni rulas sur la herbo. Dum la aeroplano rulas ankoraŭ rapide sur la herbejo, dekstre kaj maldekstre de ni, kunikloj ekforkuras timigitaj. La flugado malrapidiĝas grade kaj ni veturas al la ebena loko antaŭ la aerstacidomo, kie oni atendas nin. Halto. Mi eliras el la flugmaŝino, entuziasma pro tiu mirinda vojaĝo. Estas kvarono de la kvina.

Originale verkita de Paul ROGIERS.

---

## SE....

Se iam vi povus
Rigardi en mian koreton,
Vi tie ektrovus
Profunde kaŝitan sekreton...

Esplore serĉante
La koran profund-profundaĵon
Vi estus trovanta
Ĉarmigan, misteran strangaĵon.

Ĉar kaŝas mi tie
La bildon de bela knabino
Amata pasie
Per amo brulanta, sen fino...

V. R. NEST (Kessel).

## LA "DISPATCHING" SERVO.

Antaŭ kelka tempo la membroj de la Brusela Esperantista Grupo, dank' al la afablaj klopodoj de sia kungrupano S-ro La Haye, vizitis la instalaĵojn de la « Dispatching » Servo en la Norda Stacidomo de Bruselo. Ili estis tre afable akceptataj tie de S-roj Van der Elst, inspektoro de la Servo, kaj Dinne, ĉefelektristo. Ambaŭ tiuj sinjoroj donis klarigojn, la unua precipe la teoriajn, la dua la teknikajn.

La « Dispatching » Servo komisias la direktadon de la cirkulado de la vagonaroj en iu regiono al speciala oficisto, la « dispatcher », kiu, el centra oficejo, kie li disponas je ĉiuj necesaj elementoj, donas per telefono, ĉiumomente, la sciigojn al la oficistoj por organizi, konservi en la sama stato, aŭ rebonstatigi la regulecon de la servo.

La « dispatcher » disponas je sistemo de telefonado, kiu lin interligas tuj al unu, aŭ samtempe al kelkaj kaj eĉ al ĉiuj, oficejoj dissemitaj en la regiono, al ĉiuj haltejoj, al ejoj de lokomotivoj, k.t.p. Li ricevas ĉiumomente la informojn pri la irado de la vagonaroj, pri ilia situacio, pri ĉio kio koncernas la movadon kaj la ordinaran komercaĵtransporton de la regiono, kiun li observas. Li povas reguladi la cirkuladon kaj ordoni okaze necesajn modifojn en la konsistigo de la vagonaroj, ilia irado k.t.p. Tiel li estas informata regule pri la horoj de alveno, de transiro aŭ de foriro de ĉiu vagonaro. Surskribante tiujn sciigojn sur specialan grafikon, li klare vidas la situacion, en ĉiuj momentoj, de ĉiu vagonaro. Li povas kompari la efektivan grafikon kun la teoria grafiko, informiĝi pri la kaŭzoj de la diferencoj, forigi kelkajn el ili kiuj ripetiĝas kaj eĉ korekti la teorian grafikon per pli favora aranĝo de la horaroj. La dispatcher konas do ĉiun vagonaron, ĝian situacion sur la vojo, ĝian maŝinon, la agentojn kiuj vojaĝas sur ĝi. Li povas siavice prezenti, en ĉiu momento, al ĉiu gardejo, al ĉiu stacio, sciigojn pri la konsisto de ĉiu vagonaro, ĝia normala horo de alveno aŭ de transiro, ordoni plenscie la flankensendon de malrapida vagonaro por la trairo de rapida, la interŝanĝon de lokomotivoj, la uzon de liberaj maŝinoj ĉe ilia reveno k.t.p. Per sia reguliga laboro, la « dispatcher » ebligas grandajn ŝparojn je personaro, materialo kaj brulŝtofoj.

La rolo de la grafiko estas gravega. La « dispatcher » enskribas sur kanvason la horojn de foriro de la vagonaroj aŭ de la maŝinoj kaj, dum ili antaŭeniĝas, la horojn de trairo ĉe la diversaj postenoj. La personvagonaroj estas reprezentataj per nigraj strekoj, la komercaĵvagonaroj per bluaj strekoj kaj la neŝarĝitaj lokomotivoj per nigraj punktetaĵoj. La grafiko ebligas rimarkigi ĉiujn erarojn, kaj precipe la perdon de tempo en la stacioj kaj dum la vojaĝo. Ĉar la « dispatcher » havas ĉiam sub la okuloj la ekzaktan pozicion de la vagonaroj, li povas precize priinformi la staciojn. Tiel oni povas elekti pli sagace la momenton kiam manovro sur la ĉefaj vojoj povas esti entreprenata. La « dispatcher » aldonas al sia ĉiutaga grafiko la tabelon de la malregulaĵoj kiujn li konstatis; tiel oni povas modifi laŭbezone la horarojn La staciestroj agas laŭ la graveco de la anoncitaj malfruiĝoj por haltigi la malrapidajn vagonarojn kiuj devas flankeniri por lasi la rapidajn vagonarojn pasi.

Tio nur povas esti, se la malfruiĝoj estas anoncataj sufiĉe frue kaj precize. Kiam oni uzas la telegrafon, la informoj estas ofte tro malfruaj, por ke la

oficistoj povu ankoraŭ uzi ilin; ofte la anonco de la malfruiĝo alvenas samtempe kun la vagonaro. La nuna « dispatching » sistemo uzas, anstataŭ la telegrafo, la telefonon, kiu efektivigas precizecon kaj rapidecon senkompare pli grandajn ol la telegrafo.

La ĉefa telefona cirkuito estas sendependa kaj senpera linio interliganta, tage kaj nokte, la oficejojn de senĉesa servo. Per tiuj postenoj, la « dispatcher » ĉiam aŭskultadas sur la linio, kaj sufiĉas, por paroli al li, ke la operacianto de la linio malkroĉu la aŭskultilon, piedpremu la pedalon, kaj nomu sin. La staciestro devas alpreni la disponojn por ke estu tuj respondate al ĉiuj alvokoj de la « dispatcher ». Ĉiuj postenoj devas anonci senprokraste la horojn de alveno, foriro aŭ trairo de ĉiuj vagonaroj, la manovrojn kiuj malfruigas la vagonarojn, la ŝanĝojn kiujn ili alportas en la ordon de intersekvo de la vagonaroj, la danĝeraĵojn, la malordojn ĉe la aparatoj kaj, ĝenerale ĉiujn okazaĵojn kiuj influas la regulecon de la irado de la vagonaroj. La staciestro ricevanta vagonaron kiu devas esti manovrata aŭ flankeniri, devas antaŭe anonci la alvenon de la vagonaro al la « dispatcher » por ricevi senecese la lastajn sciigojn.

Hermine de SAGANCEY.

---

## AMUZE.

1) LA KAPITANO AL ĈEFSERĜENTO: « Morgaŭ estos, kiel vi scias, suneklipso; tio ne okazas ĉiutage. Kondukigu je la 5a la soldatojn — en milituniformo — al la manovroplaco: tie ili povos admiri la maloftan naturaperaĵon kaj mi donos al ili la necesan klarigon pri ĝi. Se pluvas, nenio estos videbla, lasu tiam la soldatojn en la ĉambro ».

2) LA ĈEFSERĜENTO AL LA SERĜENTO: « Laŭ kapitanrekomendo, okazos morgaŭ suneklipso en milituniformo. La kapitano donos sur la manovroplaco necesan klarigon, tio ne okazas ĉiutage. Se pluvas, nenio estos videbla, sed la malofta naturaperaĵo okazos en la ĉambro ».

3) LA SERĜENTO AL LA KAPORALO: « Laŭ kapitanordono, morgaŭ matene je la 5a: malfermo de la suneklipso sur la manovroplaco. La soldatoj en milituniformo. La kapitano donos necesan klarigon en la ĉambro, se pluvus, tio ne okazas ĉiutage ».

4) LA KAPORALO AL LA SOLDATOJ: « Morgaŭ matene, je la kvina, la kapitano malaperigos la sunon en milituniformo kun necesa klarigo sur la manovroplaco. Se pluvus, la malofta naturaperaĵo okazas en la ĉambro, tio ne okazas ĉiutage ».

5) LA SOLDATOJ INTER SI EN LA DORMOĈAMBRO: « Morgaŭ tre frue, je la kvina, la suno sur la manovroplaco la kapitanon malaperigos kun necesa klarigo en la ĉambro. Se pluvus, la malofta naturaperaĵo okazus en milituniformo, tio ne okazas ĉiutage ».

El « Het Strijdersblad » Trad. Kap. M. Van Wanseele.

# NIA PROGRESADO

PARIS. — Dank'al interveno de l'delegito de la Universala Esperanto-Asocio en Santiago de Chile grava firmo de Parizo, kiu ĝis tiam ne sukcesis enkasigi sufiĉe grandan monsumon, ŝuldatan de komercisto en tiu ĉi lando, atingis la envenigon de la ŝuldo.

WIEN. — Sub la aŭspicioj de la Mondkongreso de l'Inform-Oficejoj, Institucioj de Kredit-protekto kaj Enkasig-Oficejoj, kiu okazis en Vieno en decembro 1930, oni preparis universalan kodon por la informoficeja branĉo. La Komitato de l'Kongreso akceptis la proponon aldoni al ĉi tiu kodo, kiu aperas en angla, franca, germana kaj hispana lingvoj, parton en Esperanto.

TOKIO. — Grupo de farmaciistoj de l'medicina fakultato de la Imperia Universitato de Tokio ĵus publikigis Leksikonon de medikamento laŭ la japana farmakologio. Ĉi tiu leksikono estas kunmetita en 6 lingvoj, nome : Esperanto, germana, japana, angla, franca kaj latina.

CHICAGO. — La Centra Oficejo de la Rotaria Internacio en Chicago proponas la uzon de Esperanto kaj decidis mem uzi ĝin. Estas notinde, ke ĉi tiu oficejo okupigas 60 sekretariojn.

ARNHEM. — La urbestraro de Arnhem disponigis al la Internacia Ĉe-Instituto tutan domon kun ĝardeno.

DORTMUND. — Esperanto estas enkondukata en la popol-altlernejon.

PARIS. — Ĉe la ĝenerala ĉiujara kunsido de la prezidantoj de la francaj komercaj ĉambroj, la prezidanto de la pariza Komerca Ĉambro, S-ro André Baudet, laŭ peto de kelkaj ĉeestantoj faris sukcesan paroladon pri Esperanto, helpa lingvo de komercistoj, kiu pli kaj pli disvastiĝas.

BERLIN. — La « Unuiĝo por polica scienca pliperfektigo », asocio, kiu havas 23.000 membrojn kaj kiu estas unu el la plej grandaj siaspecaj organizaĵoj tutmondaj, decidis disvastigi uzon de Esperanto ĉe siaj membroj.

PARIS. — Nenio pli bone pruvas la disvastiĝon de lingvo ol la reklamoj de la Institutoj, kiuj instruas la diversajn naciajn lingvojn. Nun oni ĉiam trovas en ili inter tiuj lingvoj, la helpan lingvon Esperanto.

SOFIA. — En Rahovo la urba konsilantaro oficiale nomigis « Esperanto » la aperintan antaŭ 12-15 jaroj insulon en la mezo de Danubo, oriente de la urbo. Estos konstruata sur tiu insulo ferkolono kronita per granda verda stelo kun la surskribo « Esperanto, lingvo internacia ».

PARIS. — Laŭ iniciato de la Generalo komandanta la politeknikan lernejon, parolado pri utileco de lingvo internacia kaj Esperanto estis farata de Generalo Bastien al la lernantoj. Tiu kunsido estis prezidata de S-ro A. Baudet, prezidanto de la Pariza Komerca Ĉambro, kies ageman simpation por Esperanto oni konas.

PRAHA. — Malnova ĉeĥa esperantisto, S-ro Kühnl donacis al la Nacia Biblioteko sian tutan Esperantan libraron. La donaco estis akceptata de la Direktoro, S-ro Borovy kaj estos la bazo de Esperanto-fako en tiu scienca institucio.

RIGA. — La urbestraro en Riga donis 200 latvojn por Esperanto-fako en la urba biblioteko.

PARIS. — En la lasta kunsido de la prezidantoj de la komercaj ĉambroj de Francujo, kiu okazis antaŭ ne longe, deziresprimo favore al Esperanto, « helplingvo de komerca utilo » estis akceptita.

KRAKOVO. — En Krakovo (Polujo) Esperanto-katedro ĉe la Universitato estas ĵus fondita.

PARIS. — La eldono 1930 de l'« Larousse Commercial » enhavas sub la vorto « lingvoj » artikolon pri Esperanto, ĝia simpleco, ĝia utilo por komerco, reklamo en eksterlando ktp. **Laŭ Internacia Esperanto-Servo.**

## LA KORELATIVECO INTER VIVO KAJ MORTO.

Kiu ne deziras vivi eterne? Kiu vere deziras morti? La plej multaj homoj certe deziras vivi tre tre longe, se eble eterne. Ĉi tiu sopirego de la homaro ankaŭ esprimiĝas en preskaŭ ĉiuj religiaj sistemoj. Estas ĉiama sopiro de l' homaro.

Ĉu estus eble, ke inter ĉiuj kreitaĵoj nur la homo povus vivi eterne? Ĉu estus eble, ke sole la homoj estus escepto de la regulo, validanta en la tuta naturo? Tian pozicion certe devus havi ankaŭ la bestoj kaj la plantoj. Kio estus?

Rigardu la ondantajn grenkampojn! Rigardu la herbejajn florojn, la pompajn rozojn en la ĝardeno, la florantajn fruktopromesantajn arbojn! Ĉu ili ne estas belegaj? Se ili ne mortus, ili restus ĉiam egalaj kaj ni ĉiam povus, ĝui ilian belecon. Ĉu tio ne estus alsopirata stato? Aŭ ĉu tio eble estus enuiga?

Nenia ŝanĝiĝo, pripensu, nenia ŝanĝiĝo! Ĉiam ni vidus la samon La floroj certe ĉiam florus sed donus nenian frukton! Ĉio rigidiĝus! Nenia kresko! Nenia progreso! Certe tre enuiga stato. Krom tio ne ekzistus nutraĵoj, nek por bestoj nek por homoj. Nenio forŝirita aŭ forprenita povus denove ekflori kaj doni frukton.

Nenia ŝanĝiĝo! Terura enuo!

Krom tio: kiel vivi?

Ni ĝojas, ke estas ŝanĝiĝo. Ŝanĝiĝo ja estas vivo. Neniu deziras vivi sen ŝanĝiĝo.

Sed ŝanĝiĝo estas ankaŭ la vojo al la morto! Ĝi estas la kaŭzo de la morto. Ŝanĝiĝo estas la morto, same kiel ĝi estas la vivo.

Sen vivo morto ne estas ebla, sed certe ankaŭ sen morto nenia vivo.

Tial ni ĝoju pri la vivo! Ni ĝoju pri la seninterrompa kaj ĉiama ŝanĝiĝo en la tuta naturo. Pripensu, ke nur la morto ebligas veran vivon. *Vera vivo* estas nur la ĉiam ŝanĝiĝanta kaj tial *mortanta vivo*.

Ĝui la vivon kaj ĝoji pri nia ekzistado ni ja povas nur pro tio, ke estas morto. Tial konsoliĝu, ne mallaŭdu la eternajn naturajn leĝojn, ĉar ili estas saĝaj. *Originale de O. DROSSLER, Vieno.*

# BONHUMORO.

MISTIFIKO. — Durand: Ĉu vi havas infanojn, sinjoro? — Dupont: Jes mi havas filon — Durand: Ĉu li fumas? — Dupont: Neniam. — Durand: Ĉu li iras en kafejon? — Dupont: Li neniam iris tien. — Durand: Miajn gratulojn! Ĉu li malfrue revenas domen? — Dupont: Li enlitiĝas ĉiam post sia vespermanĝo. — Durand: Admirinda filo! kiun aĝon do li havas? — Dupont: Du monatojn!

REDAKTAĴO. — Instruisto: Kiel okazas, ke vi skribis nur kelkajn liniojn pri la lakto, dum la aliaj skribis kelkajn paĝojn?

Johano: Mia redaktaĵo estas pri la densigita lakto, sinjoro!

INTER EDZOJ. — S-ro Brown: Via edzino estas blonda, ĉu ne?

S-ro Smith: Pri tio mi ne estas tre certa, ĉar hodiaŭ posttagmeze ŝi iris al la Instituto pri beleco.

PRI PAPAGOJ. — Ĉu vi aĉetis do duan papagon, S-ro Schmitz?

— Jes! Mia edzino havas unu, mi volas alian!

— Ĉu ili parolas?

— Kompreneble! Tiu de mia edzino diras: « Ci denove lasis fali la cindron de cia cigaredo sur la tapiŝon. » Kaj la mia respondas: « La lardo denove estas brulita! »

INTERVJUO. — La granda artistino al la ĵurnalisto.

— Kaj precipe, Sinjoro, ne forgesu mencii mian faman kolumon perlan valorantan unu milionon.

— Kiun tagon vi perdis ĝin? mi ne bone memoras.

— Proksiman lundon!

ONKLO KAJ BUBOJ. — Onklo: Nu, knabetoj miaj, kiel iras la aferoj en la lernejo. — Jack: Mi, mi estas la unua en aritmetiko! — Bobby. — Mi, mi estas la unua en diktado! — Tommy: Kaj, mi, mi estas la unua en la strato kiam sonoras la sonorilo.

ANGLA HUMORO. — Bilĉjo ricevas leteron de sia granda fratino, kiu estas edziniĝinta kaj loĝas en la provinco. Ŝi sciigas ke ŝi estas la feliĉa patrino de nov-naskito.

— Ci ne ŝajnas esti tre kontenta pro tiu bona novaĵo, diras al li lia patro ĉu estas knabeto aŭ knabineto?

— Precize estas tio, kio min ĝenas, grave respondas Bilĉjo: ŝi tion ne diras en la letero, kaj pro tio mi ne scias, ĉu mi estas onklo aŭ onklino!!

EDZIĜO. — Rozeto (sepjara al sia patrino): Panjo mi volas edziniĝi je Arnoldo; lia onklo ĵus donis al li kvin frankojn.

LI LERNIS. — Patro: Mi promesis al ci velocipedon, se ci sukcesus en la ekzameno. Ree ci malsukcesis! Kion do ci faris dum la monattrio.

Fileto: Mi lernis velocipedi, paĉjo!

# DIVERSAJ INFORMOJ

**Adresŝanĝo.** — Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado informas nin kaj petas sciigi, ke ĝia adreso estas de la 1a de Julio: 11, rue du Mont-Blanc, Genève (Svislando).

**Niaj abonantoj kaj grupoj** bonvolu noti, ke la adreso de S-ro Maur. Jaumotte, kasisto de B.L.E., estos, de la 1a de Septembro proksima: 44, De Bruynlaan, Antverpeno-Wilrijck.

**Kataluna Antologio,** dua eldono 416 paĝoj, jam aperis. La prezo estas 12 Pesetojn. Mendu ĉe Belga Esperanto-Instituto, Antverpeno. Poŝtĉeko n-ro 1689.58.

**The Esperanto Publishing C°., Ltd, en Londono** deklaras por la pasinta bilanca jaro dividendon de 3 % nete.

**Mi deziras aĉeti aŭ interŝangi** iun numeron de la jenaj gazetoj eldonitaj en Belgujo: « Tribuno Libera » (Gento, 1928); « Folieto » (Gento, Sept. 1919); « Internacia Revuo Libereca » (1908. Chapelier). P. Tarnow, Galkhausen b/Langenfeld (Rhl. Germanujo).

**" International Language ",** la angla propaganda Esperanto-gazeto, kiu aperis regule de Januaro 1924, estas kunfandita kun la malnova « The British Esperantist ». Sekve de tio, tiu ĉi revuo eliris nun en kajero de 28 paĝoj.

**Literatura Mondo: Kiu povas sendi** al ni la numerojn 1, 3, 4, 5, 6, 7, 8, 9 11, 12 de Literatura Mondo (4a jaro 1925-1926), bonvolu proponi kondiĉojn pri aĉeto aŭ interŝanĝo, al Belga Esperanto-Instituto, 11 Kleine Hondstraat, Antverpeno (Belgujo).

**Esperanto-Ekspozicio** estos organizata en Belgrado (Jugoslavujo) la 15an de Oktobro 1931. Alsendo de ĉiuspeca materialo estas petata. Sendu al « Hotel London », Belgrado.

**Internacia Stenografisto,** trimonata gazeto de la Internacia Asocio de la Esp.-Stenografistoj, estas nun eldonata en Gento, Proveniersterstraat, 25. La Redaktoro estas S-ro L. Cogen, Ninove.

**La V-a Psikosociologia Kongreso,** kiu okazis en la Sorbono, Parizo, (Nov. 1930), fondis premion de Fr. 10.000 por plej bona tutmonda lernolibro de integra eduko korpa, spirita kaj morala. La akcepto de la manuskriptoj (france aŭ angle verkitaj) okazos nur de la 1 ĝis 31 Decembro 1931. Petu plenan informaron de Groupe français d'Education nouvelle, 41, rue Gay-Lussac, Parizo (5.).

**Ĉu vi posedas gramofonon?** — Jes! — Kial vi do ne ankoraŭ mendis la nov-eldonitan diskon kun « La Espero » kaj kun ario en Esperanto kantita el la « Sorĉa Fluta » de Mozart ? — Havebla de Belga Esperanto-Instituto, Antverpeno. Prezo afrankite: Fr. 38,—.

**Bela sigelmarko** estas gluita sur la banderolo de nuna numero de B. E. Mendu kvanton de ĝi ĉe Belga Esperanto-Instituto, Antverpeno. Prezo afrankite: Fr. 2,— por 100; Fr. 9,50 por 500; Fr. 18,— por 1000. Rabato por pli grandaj mendoj.

# BIBLIOGRAFIO

*Verkoj, de kiuj ni ricevas unu ekzempleron, estas citataj sub ĉi tiu rubriko. De tiuj, kiujn ni ricevas duekzemplere, ni publikigas recenzon.*

*Ĉiuj verkoj estas haveblaj ĉe Belga Esperanto-Instituto, Antverpeno, Kleine Hondstraat, 11, rue du Petit Chien; poŝtĉeko nº 1689.58.*

*PINOKJO (Pinocchio) de G. Collodi. Tradukita el itala de Mirza Marchesi. Eldonis 1930, The Esperanto Publishing Company, Ltd., London. 150 Paĝoj. 18,5x12. Prezoj: broŝ. 3 ŝ. 6 p., bindita 5 ŝ. afranko 4 p.*

Bonega Esperantigo de mondkonata libro por knaboj. Kiu ne legis en sia knaba tempo tiujn mirindajn aventurojn de Pinokjo, la ligna marioneto vivanta kaj aganta kiel senprudenta, tamen bonkora knabo? La sperto de la vivo instruos al li saĝecon, kaj tio donas al la verketo grandegan edukan valoron. Geknaboj tiel intense kunvivas la emociojn de la ligna heroo, ke la impreso estas tre profunda. La traduko estas majstre farita en tre korekta Esperanto, kaj la legado estas vera plezuro por ĉiuj amantoj de bela lingvaĵo, flua kaj esprimriĉa. Plenaĝuloj same kiel geknaboj ne bedaŭros la akiron de tiu bele eldonita libreto, tre originale ilustrita de W. H. Matthews.

*LA JUNULINO EL STORMYR, de F-ino D-ro Selma Lagerlöff. El la sveda tradukita de O. Frode. Eldonis 1930, Eldona Societo Esperanto, Stockholm. 94 Paĝoj. 20x14. Prezo sved. krono 1.50.*

Drameca rakonto el la sveda kampara vivo. Leginte la libron, oni sentas grandan simpation al la ĉefaj personoj, kiuj faras agojn, laŭ morala vindpunkto heroajn, tute simple kvazaŭ tio defluas nature el ilia rekta karaktero. La eldonistoj faris kontrakton kun D-ro Lagerlöf por la eldonado de ŝiaj verkoj en Esperanto. Ili tiel fakte servos sian patrujon kaj samtempe la esperantan legantaron, kiu ĝojos konatiĝante kun tiu forta kaj origina verkado. La traduko estas farita en vera internacia lingvo senerara. Sur paĝo 46, preseraro metigis *realizebla* anstataŭ *realigebla*.

*POSTKARTO KUN LANDKARTO DE SVEDUJO, presita en tri koloroj. Eldona Societo Esperanto Stockholm. Malsupre estas presite : « X indikas kie mi loĝas ».*

La sendinto de tia poŝtkarto faras similan krucon sur la karto, tie kie estas lia hejmloko. Po 0.15 sved. Kron. Interesa ideo ankaŭ realiginda de la aliaj naciaj eldonejoj.

*SONORILO KAJ KANONO de Emil Isac. El rumana tradukis Tiberio Morariu. Eldonis 1930, Heroldo de Esperanto, Köln, Germanujo, 60 paĝoj. 20x13,5. Prezo RM. 1.20.*

Kolekto de « poemoj en prozo », kiuj donas ideon pri la speciala talento de la rumana verkisto. Inter ili estas veraj juveletoj. Amikoj de profundaj pensoj en delikata vortaĵo ĝuos la tralegon. La tradukisto faris bonan laboron kaj la eldonistoj bele prezentis la libreton.

*WIEN KAJ NIEDEROSTERREICH. — Eldonis Komisiono por fremdulfrekvento de la Liglandoj Wien kaj Niederösterreich (Malsupra Aŭstrio) 16 paĝa faldita gvidfolio, 22x12, kun bela titolbildo kaj 27 en la teksto troviĝantaj arte reproduktitaj fotoj. Donas informojn por vojaĝantoj per fervojo aŭ aŭto, pri ĉio sciinda. Esperanta traduko el germana originalo, de reg. kons. H. Steiner, prezidanto de Internacia Esperanto Muzeo en Wien, al kiu alilandanoj mendu ekzempleron senpagan.*

*HISTORIETO DE LA NANZENJI TEMPLO. — BRIEF HISTORY OF THE NANZENJI TEMPLE, dulingva broŝuro, 16 paĝoj 12,5x18,5. Eldonita de la Nanzenĵi Templo, Kioto, Japanujo. Prezo: necitita.*

*FRATETO KAJ FRATINETO, de Fratoj Grimm. — Kun Ĥina traduko de F-ino A. S. Ĝuŝano. 27 paĝoj, 11x15. Eldonita de La Verda Librejo. Adreso: S-ro A.A. Sofio, 954 Chaoufoong Road, Shanghai, Ĥinujo.*

*LA VERO PRI PERSEKUTOJ KONTRAU RELIGIO EN USSR. de M. Servud. Eld. Unio de militantaj ateistoj kaj CK SEU Moskvo 1930. 15x11; 62 paĝ. Prezo 25 Kop.*

Broŝuro celanta nei aŭ klarigi la informojn rondirantajn en eŭropa kaj amerika gazetaro pri kontraŭreligiaj persekutoj en Sovetio. Laŭ lingva vidpunkto, oni ne rajtas nomi la libreton valora akiro por nia literaturo, kvankam ĝi estas facile komprenebla, malgraŭ sufiĉe multnombraj nekorektaĵoj.

Prijuĝante la enhavon oni devas konstati, ke la argumentado estas tre manka, kaj pro troa klopodado pruvi neekziston de kontraŭreligiaj persekutoj, nur sukcesas veki, eĉ ĉe senreligia Eŭropano, la senton ke ne estas eble en Sovetio esti liber-pensanto, se tiu koncepto ankaŭ ampleksas liberan ekzercon de iu kulto sen revenĝo iuspeca de la aŭtoritato. Kiu tro volas pruvi, ofte konvinkas pri la malo.

*MALLONGAJ PROZAĴOJ de diversaj Aŭtoroj. Skribitaj en Esperanta Stenografio. Prezo Fr. 1.50 (1 respondkupono) Eldonejo de Esp. Stenogr. Issy-les-Moulineaux 1930. 17x11 Paĝ. 16.*

Esperantaj tekstoj skribitaj en Steno Duployé-Flageul, montrantaj al stenistoj konantaj metodon Duployé, la aplikon al Esperanto.

*TUTMONDA INTERSTENO. — Monata Gazeto kaj oficiala organo de la Tutmonda Intersteno Asocio. Eld. Instituto de Internacionalstenografio Duisburg (Germanujo). Jara abono 2 RM. Paĝ. 4. 22x15.*

*MULTLINGVA INTERSTENO. — Monata Gazeto en multaj lingvoj sama Eld. Jara abono 1 RM.*

*Tekstoj en Intersteno en Esperanta, Germana, Angla, Franca kaj Hispana lingvoj.*

Vidante la multnombrecon de stenosistemoj, oni demandas sin, ĉu jam iu aŭtoro, studinte kaj eĉ praktikinte la diversajn sistemojn, faris komparan studon pri ilia reciproka boneco kaj praktikeco, kiel tion faris Couturat & Leau pri la projektoj de Internacia Lingvo. El tia kompara verko deduktiĝus pensoj kaj rimarkoj, kiuj interesus ĉiun steniston.

*LA PACA MONDO DE VIRINOJ de Liŭ Jen-Hon. — Tradukita de Iĉio Sun. Eldonita de la Feminisma Mondpaca Asocio. Ŝangai. 19x14 Paĝ. 22. Prezo ne montrita.*

Alvoko al Tutmonda virinaro por enkonduki Mond-Registaron de Virinoj, ĉar estas el vira regado, ke devenas la milito. Tio estas ebla, sed la kunekzistado de vira regado kaj milito ne pruvas necese, ke unu kaŭzas la alian. La speco de la argumentoj iom inspiras al ni suspekton pri la sukceso de la proponita sistemo. Se la aŭtoro pretendas ke « tre malofte batalas du virinseksuloj unu la alian » li eble prave parolas pri orientaj faktoj, kie verŝajne virinoj estas perfektaj estaĵoj, sed certe ne pri eŭropaj, kie popolaĉaj virinoj batalas mane kaj edukitaj virinoj lange aŭ intrige, dum inter viroj ekzistas pli multe da kamaradeco kaj lojala konkurado.

Se krom tiu malforta argumentado, ni aŭdas ke estas necese enkonduki liberan amon kun rajto de la virinoj elekti la preferaton, ni povas konjekti kian belan ĥaoson alkondukus la Mond-Registraro de Virinoj. Lingvo korektinda sed tamen bona penado estas farita por komuniki orientajn ideojn al cetera mondo.

*OFICIALA BULTENO DE LA ESPERANTISTA AKADEMIO. — KAJERO IV-APRILO 1931. — Rezultatoj de la elektoj en 1931 (Lingva Komitato kaj Akademio). — Oficialaj informoj. — Internacieco en la vortaro de konstruita lingvo: Ĝiaj utiloj kaj limoj. (Prelego de Prof. W. E. Collinson, Liverpool, akademiano, farita la 5an de Aŭgusto 1930, en Oxford. Somera Universitato). — La Elementoj de la eŭropa vorttrezoro. (Prelego de Prof. Bruno Migliorini, Roma, akademiano, farita la 6an de Aŭgusto 1930, en Oxford. Somera Universitato). — Pri evoluo en la lingvoj. (Resumo de prelego de Prof. Cart, Parizo, akademiano, farita la 5an de Aŭgusto 1930, en Oxford Somera Universitato). — Nekrologa artikolo pri Hermann Göhl.*

*LITERATURA INFORMILO.* — *N-ro 6. Broŝuro 20 paĝa. 16,5x24 cm. Eldonita de Esperanto-Fako ĉe la eldonejo Ferdinand Hirt & Sohn, en Leipzig (Somero 1930).*

*FRATA MARŜO, Kanto en Esperanto.* — *Kun fortepiana akompano, de A. Dauphin.* — *Eldonis Esperantista Centra Librejo, 51 rue de Clichy, Parizo. Prezo Fr. Fr. 2,50.*

La sukceso de ĉi tiu kanto estas pruvita per la fakto, ke ĉi tiu nova eldono estas jam la tria, kiu nun ankaŭ donas la akompanon por piano.

*SERIO DE SES FOTOGRAFAJ POŜTKARTOJ PRI STOCKHOLM, SVEDUJO, kun sveda kaj esperanta teksto. La kartoj havas bildojn de: Reĝa kastelo, parlamenta domo, Urbdomo, Koncerta domo, Reĝa drama teatro, kaj la Strato Kungsgatan.* — *Eldonis: Eldona Societo Esperanto, Fako 698, Stockholm 1, Svedujo. Prezo: po 0,15 sved. kr.*

*RELIGIO-FILOZOFIA VIVKONCEPTO DE PETRO DANOV.* — *Aldono al Bibl. « Nova Kulturo », de A. Tomov. 27 paĝoj. 12×19,5 cm.* — *Eldonis 1930: Biblioteko « Nova Kulturo, Burgas, Bulgarujo. Prezo necitita.*

*POEMO DE L' PLUGISTO (Biblioteko de Sennaciulo N° 11).* — Originale *verkita de H. M. Hrima. 62 paĝoj, 11,5×15 cm. Eldonis 1930: Sennacieca Asocio Tutmonda, Colmstr. 1, Leipzig 0.27, Germanujo. Prezo: Rmk. 0,60.*

*BIBLIOTEKO NOVA KULTURO.* — *2a Jaro 1930.* — *Numeroj 1 ĝis 7, de P. Danov. Edonis: Biblioteko « Nova Kulturo », Poŝtkesto N° 6, Burgas, Bulgarujo.*

N° 1 *Jen la Homo,* 32 paĝa, 12×19,5 cm.; N° 2 *La Talantoj,* 28 paĝa; N° 3 *La Amo,* 28 paĝa; N° 4/5 *La Sonĝoj de Jozef,* 36 paĝa; N° 6/7 *Paco al Vi,* 40 paĝa.

*NACIARA HOMAĜO (Okaze de la Solena Malfermo de la Mondekspozicio de Kolonioj, Marveturado kaj Flandra Arto - Antverpeno 1930).* — *Teksto de Willem Gijssels, muziko de Lod. De Vocht.* — *Broŝuro 54 paĝa 15,5×23 cm.* — *Enhavas la flandran, francan, anglan, germanan, italan, hispanan, portugalan, svedan kaj esperantan tekstojn.*

*PERSA ŜLOSILO DE ESPERANTO.* — *Eldonita de la Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado, Ĝenevo.* — *Mendu ĉe Darjuŝ Nemseĉi Tabriz, Persujo.*

*LA FERA KALKANUMO, de Jack London.* — *El la angla tradukis Georgo Saville.* — *359 paĝoj 13×20 cm. Eldonis 1930: Sennacieca Asocio Tutmonda, Colmstr. 1, Leipzig 0-27 (Germanujo). Prezo: RMk. 2,60.*

*ITALAJ URBOJ.* — *Serio da 25 ilustritaj poŝtkartoj diversbildaj kun esperanto-teksto, haveblaj ĉe D-ro Elio Migliorini, ĉe Gruppo Esperantista Romano, Via Condotti 86, Roma (108).* — *Prezo de la serio: sv. Fr. 1,50 afrankite.*

*LA GRANDA PIRAMIDO.* — *8 paĝa faldfolio. 14×22, havebla ĉe S-ro Morton Edgar, 224 West Regent Street, Glasgow, Skotlando, Britujo.*

*EPITOMO DE LA DIA PLANO EN ESPERANTO, LA DUA LINGVO POR ĈIUJ.* — *8 paĝa broŝureto 12,5×18,5 cm. havebla ĉe Gesinjoroj Porteous, 118, Allison Street, Glasgow, S. 2, Skotlando. Prezo: Duonpenco.*

*KRISTANISMO KAJ PATRIOTISMO de L. N. Tolstoj. (Biblioteko de Sennaciulo N° 12-13).* — *Tradukis I. Maĉernis. 111 paĝoj, 11,5×15 cm. Eldonis Sennacieca Asocio Tutmonda, Colmstr. 1 Leipzig 0-27, Germanujo. Prezo: RMk. 1,20.*

*PRIMER MANUAL DE LA LLENGUA AUXILIAR INTERNACIONAL ESPERANTO, Quart miler.* — *Unua lernolibreto de Esperanto. 32 paĝoj 11×15,5 cm. Eldonis 1930: Eldona Fako de K.E.F., Duran i Bas, 8, Barcelona. Prezo: Pes. 0,25.*

*GVIDLIBRETO DE WIESBADEN.* — *Eldonis Urba Trafik-Oficejo. 4a eldono kiu pruvas la grandan sukceson. 24x20.5. Paĝoj 16. Multaj reproduktaĵoj de artfotoj. Havebla senpage per simpla mendo per poŝtkarto.*

---

Presejo de Belga Esperanto-Instituto, K. S. — ANTVERPENO.

Presejo de Belga Esperanto-Instituto, K. S. — ANTVERPENO.